JARO XV, Sofia—Bulgario
julio — decembro 1971, № 3—4

# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA (ASOCIO)

## *SUKCESA JARKUNVENO DE T. E. Ĵ. A. EN LONDONO*

*En la kadroj de la 56-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta ĉi jare en Londono — la grandega, bela kaj interesa de historia, kultura, politika kaj ekonomia vidpuntoj ĉefurbo de Britlando— sukcese okazis ankaŭ la Jarkunveno de nia Tumonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.*

*Al la Universala Kongreso aliĝis 2065 esperantistoj el 40 landoj. Inter ili estis sufiĉe da partoprenantoj-ĵurnalistoj, multaj el kiuj estis okupitaj en aliaj kongresaj kunvenoj, kunsidoj ktp. Pro tio la jarkunvenon de TEĴA ĉeestis 23 ĵurnalistoj el 13 landoj, inkluzive la japana f-ino Akiko Nagata, kiel reprezentanto de Universala Esperanto-Asocio. Reprezentanto de la Pola Radio estis s-ano Marius Dastych el Varsovio.*

*Ĉeestis ankaŭ la konstanta gvidanto de la Gazetara Servo ĉe Universalaj Kongresoj — nia jugoslava kolego kaj amiko Marinko Ĝivoje.*

*Kiel ni mencias aliloke, pri la bona preparo kaj sukcesa laboro de nia jara kunveno anticipe kaj aktive agadis niaj londonaj teĵanoj kaj precipe s-ano A. W. Thomson (Avoto). Ili preparis kaj sendis specialan alvokon, engaĝis salonon k. a.*

*La kunvenon malfermis per salutaj vortoj nia prezidanto longjara s-ano Olav Thormodsen. Li samtempe invitis ĉiujn partoprenantojn al fruktodona traktado de niaj TEĴA — problemoj.*

*Kiel protokolisto funkciis s-ano A. W. Thomsom (Avoto).*

*Kiel informas la redakcion de „I. J.", la protokolisto Avoto —„la kunveno estis interesa, serioza kaj entuziasma, do espereble, fruktodona, kaj mi persone tre ĝuis la interkonatiĝon kun aliaj TEĴA-anoj".*

*En la centro de la diskutoj kaj eldiroj estis la preparita de la anglaj kolegoj projekto de Statuto, kopio de kiu estis disdonita anticipe al ĉiuj ĉeestantoj. Post la mallonga raporto de prezidanto Thormodsen, tiu punkto estis la plej grava. La lasta punkto de la tagordo estis — elekto de nova Estraro de TEĴA.*

*Post la detala diskutado oni unuanime decidis rekomendi la statuton al la membraro de TEĴA kun jenaj aldonoj:*

*II. Celoj. „7. Protekti la profesiajn interesojn de la membroj".*

*V. Reprezentantoj. Aldonu: „La landaj reprezentantoj konsistigas Komitaton, kiu asistas la Estraron".*

*VII. Servoj. Unua linio, anstataŭ „duspecaj" legu „trispecaj".*

*Aldonu „3. Konsila Servo. Kiam eble kaj oportune, aprobitaj profesiaj membroj povas konsili aspirantojn kaj nespertulojn pri ĵurnalista metio."*

*Tiuj sugestoj venis precipe de s-ano Oc-*

*key. Aliaj komentoj dum la diskuto inkluzivis:*

*1. Ke-balotiloj estu presataj sur la paĝoj de „IJ" (ĉar oni difektus ĝin per forŝiro), sed sur apartaj folioj, enmetotaj inter la paĝoj. Kaj —*

*2. Ke oni ne difinu la asocian abonkotizon (membrokotizon) per statuto, ĉar la Estraro rajtos ŝanĝi ĝin por sekvanta jaro se necese, sen balota sankcio.*

*Oni antaŭvidis baldaŭan altiĝon de la kotizo (pro nuna deficito) kaj iu sugestis eĉ ĝis 2 dolaroj. Sed s-ano Aleksiev el Sofio konsilis, ke oni estu tre singardema pri tio, ĉar troa altigo de la kotizo povus bremsi varbadon de membroj kaj eble provoki eksiĝojn. (Kompreneble filiaj kotizoj devas inkluzivi pluan sumon por filia administrado). Iu ankaŭ petis, ke oni refunkciigu la sistemon de gumitaj datslipoj, por alglui ilin sur la dorson de la membrokarto kiel ĉiujaraj kvitancoj. Nur tiel oni povas legitimi la ĝisdatan membrecon de la posedanto de la membro karto. S-ano Ĝivoje petis, ke TEĴA konsideru kunlaboradon kun la kongresa Gazetara Servo, kaj ĉiuj aprobis la proponon.*

*Unuanime la partoprenintoj elektis novan Estraron de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio por la jaro 1971—72:*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Norvegio.*

*Vicprezidantoj (alfabete) Ivan Keremidĉiev—Esperov, samtempe kasisto por Oriento kaj ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto", Bulgario.*

*Nikolao F. Danovskij, Sovetio.*

*Tadros Megalli, Egiptio.*

*Sekretario-kasisto — d-ro Dino Fabris, Italio.*

*Estraranoj: (alfabete): A. W. Shomson, d-ro A. Mildwurf (ambaŭ el Britlando) kaj Emil Mayer, Pollando.*

*S-ano Avoto raportas, ke la brita filio havas du novajn pagitajn membrojn (do entute 9):*

*S-ro H. B. Franks, 11, Victoria Avenue, Ore, Hastings, Sussex, Anglio.*

*S-ino Z. J. Sotiraki, 109, Shepherds Bush Road, Brook Green, London, W. 6, Anglio.*

*(Ambaŭ amatoraj membroj)*

*Rilate al la Jarkunveno en 1972 s-ano Avoto proponas la jenon: Oni konjektas, ke kiam la Universala Kongreso de Esperanto 1972 okazos en USONO, certe la Universala Esperanto-Asocio arangos Eŭropan E-Konferencon en iu eŭropa lando, kiel oni faris en 1965. (Tiam ta UK okazis en Japanio). Do, nia Jarkunveno povas okazi samtempe kaj samloke kun la Konferenco de UEA.*

*La Estraro de TEĴA pritraktos la proponon de s-ano Avoto kaj decidos kaj tuj avertos la membraron de nia Asocio.*

*S-ano Avoto ankaŭ preferas, kiel aliaj britaj membroj, ke ni devas sekvi la ekzemplon de UEA Jarlibro, uzante ĉiam la fundamentajn formojn de landnomoj. Tion rekomendas ankaŭ la Komisiono por Ordigo de geografiaj nomoj.*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" dankas la proponon. Post pridiskuto de la demando, eble, ekde la nova 1972, ankaŭ ni uzos la fundamentajn formojn de landnomoj.*

*Do, karaj membroj de TEĴA! Ni esperu, ke post la fruktodona Jarkunveno de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio en Londono, post la kompletigo de nia Estraro kaj post la pridiskuto kaj aprobo de la nova Statuto, niaj Asociaj aferoj ekmarŝos rapide antaŭen.*

*Ni ne nur esperu, sed energie subtenu la novan Estraron por plenumo de ĉiuj starigitaj antaŭ TEĴA taskoj. Al aktiva laboro ankaŭ kiel kunlaborantoj de nia kara asocia organo „Internacia Ĵurnalisto"! Ni konstante kontribuu al ĝi variajn priĵurnalismajn materialojn, artikolojn, informojn, fotojn, raportaĵojn, eseojn, ŝanĝon de opinioj kaj sperto ktp.*

*Al novaj sukcesoj!*

## PROPONO POR NOVA STATUTO

Karaj Kolegoj,

Kredante, ke multaj esperantistaj fakasocioj ne estas, en tiu ĉi moderna mondo, tiel efikaj kiel ili meritas, ĉar iliaj organizo kaj metodoj estas ne plu aktualaj, mi sugestas, ke ni en TEĴA povus utile okupi nin per rerigardo al niaj statutoj kaj, se eble, reorienti ilin en la direkton de pli dinamika progreso. Mi tial kunmetis „skizan" statutaron, kiu ne pretendas esti finpreta modelo, sed servos kiel bazo por diskutado dum la Jarkunveno, kiu espereble okazos dum la Londona UK en 1971. Mi esperas, ke la Estraro, post la diskutado, povus ellabori pli perfektan kadron de reguloj, pri kiuj la membraro balotos antaŭ la Jarkunveno 1972.

Avoto

# Pri nia statuto

## LA MALNOVA STATUTO

### 1. NOMO KAJ SIDEJO

Nomo de la Asocio estas: Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mallonge TEĴA. La sidejo de la Asocio estas fiksita laŭ la sidejo de la Centra Estraro.

### 2. CELOJ DE LA ASOCIO

La celoj de TEĴA estas kunigi ĉiujn ĵurnalistojn, kiuj scipovas Esperanton, por komuna kunlaboro kaj kunhelpo rilate la korespondadon, interŝanĝon de artikoloj, enketoj, informoj pri diversaj demandoj. Per uzado de Esperanto inter ĵurnalistoj pruvi, ke la lingvo devas servi al praktikaj celoj. Organizi fakajn kongresojn dum internaciaj kongresoj de UEA, SAT ktp. kaj aranĝi renkonton inter diverslandaj ĵurnalistoj, kiam ili vojaĝas, kaj helpi al ili.

### 3. ENSPEZOJ DE LA ASOCIO

Por povi realigi supre nomitajn celojn la Asocio ricevadas monon per kotizoj.

### 4. MEMBRECO

La memboj konsistas el du kategorioj: A-kaj B-membroj.

A — membro estas ĉiu ĵurnalisto, kiu apartenas al sialanda profesia asocio aŭ kiu sin vivtenas per ĵurnalismo kaj verkado, radio-ĵurnalistoj kaj kunlaborantoj en radio.

B — membro estas tiu, kiu pli malpli okaze kunlaboras en diversaj gazetoj, verkistoj kaj redaktoroj de esperantaj ĵurnaloj, neprofesiaj radio-kunlaborantoj.

La Centra Estraro rajtas eksigi membron, se tiu agas kontraŭ la celoj de la Asocio aŭ faras nesolidarecajn agojn. Eksigita membro povas apelacii al okazonta kongreso pere de Centra Estraro kaj fine, se ekzistas diversaj opinioj, voĉdonado fiksas decidon pri la demando.

### 5. GVIDADO DE LA ASOCIO

Organoj de la Asocio estas: la fak-kongreso, voĉdonado kaj Centra Estraro.

La elektita Estraro decidas inter la voĉdonadoj. Ĉi konsistas el Prezidanto, Sekretario, Kasisto, Vicprezidantoj, Vicsekretario kaj du membroj konsilantoj. Estas dezirinde, ke la Estraranoj loĝu en la sama lando aŭ inter si proksimaj landoj.

Krome por ĉiu lando estu peranto (reprezentanto). Se pluraj membroj estas en sama lando, ili kune elektas aŭ proponas reptezentanton, alie la Estraro proponas.

### 6. CENTRA ESTRARO

Ĉiun trian jaron okazas elekto de Centra estraro La fakaj kongresoj dum la elektojaro proponas estrarajn kandidatojn, sed povas partopreni nur membroj, kiuj pagis samjaran kotizon kaj estas elektata la Estraro per voĉdonado.

Se estas diversaj proponoj aŭ diskutoj pri kandidatoj, la Estraro post la elektado voĉdona donu al ĉiuj membroj raporton pri la voĉdono, kiu klare montras kiel ĉiu ano voĉdonis por ke la kontrolo estu efektiva.

## PROEKTO-STATUTO

I.

NOMO. La nomo de la Asocio estas Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mallongigita iniciale per TEĴA.

II.

CELOJ. La ĉefaj celoj de la Asocio estas:

1) Interrilatigi, per la internacia lingvo Esperanto, diverslingvajn ĵurnalistojn, redakcianojn kaj verkantojn de periodaĵoj en iu ajn lingvo.

2) Organizi la provizadon kaj interŝanĝon de verkita materialo, originala kaj tradukita, por naciaj kaj internaciaj periodaĵoj.

3) Eldoni propran organon kaj laŭbezone aliajn presaĵojn.

4) Starigi kaj funkciigi, por profitigi la Asocion, tradukan servon por ĉiaj klientoj, ĉu esperantistoj aŭ ne.

5 Reprezenti la ĵurnalistan profesion ĉe konferencoj, kongresoj kaj aliaj kunsidoj.

6) Stimuli edukadon kaj ekzercadon pri internacia ĵurnalismo.

7) Protekti la profesiajn interesojn de la membroj;

III.

MEMBROJ. Rajtas esti membro de TEĴA iu, kiu okupas sin pri redaktado, kontribuado aŭ kompilado de perioda literaturo, ĉu profesie (tute aŭ parte salajrita), ĉu amatore (kun aŭ sen kompenso). En la matrikulo oni distingos inter tiuj du kategorioj per la literoj P (profesia) kaj A (amatora).

IV.

ESTRARO. La estraranoj estas elektatas perpoŝta baloto de ĉiuj asocianoj. En okazo de egaleco, la reganta prezidanto havos duan voĉon, escepte kiam temas pri lia propra ofico, kiun same decidos la vicprezidantoj.

La estraro konsistos el:

1) Prezidanto, oficanta tri jarojn.

2) Tri vicprezidantoj, elektataj po unu ĉiujare por tri jaroj (la komenca vico estu alfabeta).

3) Du kasistoj (Orienta kaj Okcidenta), oficantaj tri jarojn.

4) Interna Sekretario (same), kiu zozgos protokolojn, matrikulon kaj ĝeneralan administradon de la Asocio.

5) Ekstera Sekretario (same), kiu zozgos kontraktojn kaj aliajn rilatojn kun klientoj.

6) Redaktoro (same), kiu prizorgos la organon kaj bultenojn de la Asocio.

7) Naŭ Komitatanoj, elektataj po tri ĉiujare por tri jaroj (la komenca vico estu alfabeta). Iuj du asocianoj povas proponi kandidaton por iu ajn ofico, sed devas kunsendi al la Interna Sekretario ties skribitan konsenton almenaŭ du monatojn antaŭ la Jarkunveno. Ĉiuj estraraj oficoj validos ekde la fino de la Jarkunveno, kiu kontrolas kaj konfirmas la baloton.

V.

REPREZENTANTOJ. En ĉiu lando la estraro povas nomi unu konsentintan membron Landa Reprezentanto, inter kies funkcioj estos: kolekti kaj transpagi kotizojn de samlandanoj, disdoni la organon kaj aliajn oficialaĵojn en sia lando, varbi novajn membrojn kaj — se eble — organizi filion. La landaj reprezenttantoj konsistigas Komitaton, kiu asistas la Estraron.

La fakaj kongresoj ankaŭ proponas revizorojn, kiuj, se eble, loĝu en la sama lando, kie estas la estrara sidejo.

Por la sama tempo oni elektas ankaŭ anstataŭantojn de la estraranoj kaj revizoroj.

Inter kongresoj la Estraro decidas, sed la fakaj kongresoj povas plendi aŭ fari proponojn pri ŝangoj kaj decidoj.

Se temas pri gravaj demandoj, oni uzas voĉdonadon ĝeneralan, en kiu partoprenas nur regulaj membroj, pagintaj la membrokotizon.

Post la faka kongreso la Estraro devas kiel eble plej baldaŭ sendi la proponojn al la membroj, samtempe oni fiksas la daton por la fina voĉdonado. Por esti validaj la voĉoj devas esti en la manoj de la Estraro plej malfrue duonjaron post la kongreso se la faka kongreso okazos dum aŭgusto kaj oni proponas Estraron, tiam, la balotado devas esti finita la 31-an de januaro venontan jaron kaj dum februaro samjare la Estraro devas konigi al la membroj la rezulton. La forirantaj postenhavantoj, se eble, devas transdoni siajn postenojn al la novelektitaj estraranoj la unuan de marto saman jaron.

7. TASKOJ DE LA ESTRARO ESTAS

Efektivigo de la kongresaj decidoj kaj decidoj faritaj per voĉdonado, labori por realigo de la asociaj celoj, kunvoki la fakajn kongresojn kaj en la sekretariejo konservi liston de ĉiuj partoprenantaj membroj, sufiĉe frue konigi al la aliĝintoj la nomaron de partoprenantoj, sendi al fakaj kongresoj koncernajn proponojn kaj prepari tagordon por tiuj, kiuj prizorgos la aranĝojn de la faka kongreso, se la Estraro estas malhelpata mem partopreni, kontinue sendi al la membroj liston pri novaliĝintaj membroj, respondi al la demandoj de anoj kaj esperantistoj — ĵurnalistoj.

Ŝanĝoj de tiuj statutoj povas okazi nur ĉe faka kongreso aŭ per referendumo.

Rimarko de la redakcio. En la jarkunveno de TEĴA kiu okazis en la kadroj de la Universala Kongreso de Esperanto en Budapest oni faris iujn negrandajn ŝanĝojn en la Statuto. Oni decidis, ke :

a) la vicprezidantoj de TEĴA estu tri personoj;

b) krom ĝenerala sekretario-kasisto estu ankaŭ kasisto por orientaj landoj (kiun taskon plenumas la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" por kolekti monon pri la eldonado de nia organo);

c) nia supera gvidorgano estu la ĝenerala jarkunveno de TEĴA, ĉar TEĴA malfacile povas kunvoki kongreson;

d) en ĉiu lando, kie estas pli ol kvin membroj de la Asocio oni povas organizi sekcion de TEĴA.

e) la kolektata membrokotizo en ĉiuj landoj, post la deteno de necesaj kancelariaj elspezoj de grupoj, sekcioj (filioj), estu sendata al la redakcio de „Int. Ĵ-sto", ĉar la gazeto estas ekspedata al ĉiuj membroj „senpage" (la membrokotizo inkluzivas ankaŭ la abonkotizon);

f) la ĝenerala sekretario detenas ĉe si monon nur por pago de kotizo al Universala Esperanto-Asocio kaj por kancelariaj elspezoj. La restanta sumo li sendas al la redakcio por eldon-kaj ekspedelspezoj de la organo.

VI.

FILIOJ. En ĉiu lando, kie troviĝas almenaŭ dek membroj, oni rajtas starigi Landan Filion. Filioj estos administre kaj finance aŭtonomaj, sed dum ĉiu januaro ili devas sendi al la koncerna asocia kasisto la abonkotizojn de la nova jaro kaj kopion de la filia bilanco de la antaŭa jarfino. Filio normale havos tri oficistojn: Prezidantoj Sekretarion (ordinare la Landa Reprezentanto) kaj Kasiston. La Prezidanto kaj la Kasisto estos balote elektataj de la filianoj por tri jaroj; la sekretaria ofico estos ĉiam je dispono de la asocia estraro, kaj en filioj kun almenaŭ 40 membroj povas esti disigataj en du fakojn — internan kaj eksteran (vidu IV, 4, 5). En tiuj landoj, nefilianoj devos trakti rekte kun koncernaj estraranoj.

VII.

SERVOJ. La ĉefaj servoj de la Asocio estas trispecaj:

1) Informa Servo. Temas pri mallongaj raportoj pri aferoj aktuale interesaj al la publiko, citaĵoj el nacilingvaj periodaĵoj aŭ brodkastoj, novaĵoj pri leĝoj, impostoj, internaciaj rilatoj, katastrofoj, sportoj, epidemioj, malakordoj, nekrologoj, inventaĵoj, artmondaj eventoj ktp.

2) Traduka Servo. Kiam kliento (sciencisto universitato, komerca firmo, reserĉisto ktp.) mendas nacilingvan tradukon de iu letero, artikolo aŭ alia verkaĵo aperinta alilande, la filia sekretario peras la mendon al la filio de la koncerna lando, kiu provizas esperantan tradukon. Tiur ĉi la filia sekretario tradukas nacilingven por la kliento.

Por tiuj servoj TEĴA povas postuli pagon, el kiu la asocia kaso ricevos 20%, la filia kaso 40% kaj la verkinta asociano 40%. Por negilanoj la asigno estos 50% al la asocia kaso kaj 50% al la verkinto.

3. Konsila servo. Kiam eble kaj oportume aprobitaj profesiaj memroj povas konsili aspirantojn kaj nespertulojn pri ĵurnalista metio.

VIII.

KUNVENOJ. Ordinare la aferoj de la Asocio (inkluzive je balotoj) plenumiĝos poŝte kaj bezonas maksimuman akuratecon, sed la Jarkunveno okazos en la kadro de la Universala Kongreso, kondiĉe ke kvorumo de sep membroj ĉeestas. Sen kvorumo oni devas agi poŝte kaj per la organo. La Jarkunvenon prezidas la plej supera ĉeestanta estrarano, laŭ precedenco en regulo 4. Ĉiuj gravaj decidoj pri asocia organizo kaj proceduro bezonas ĝian konfirmon per simpla plimulto da voĉoj, kaj en okazo de egaliĝo la prezida oficisto havas duan voĉon.

IX.

VALIDIGO. Tiu ĉi statutaro estos efektiva nur post simpla plimulto da ricevitaj balotiloj kaj konfirmo de sekvanta Jarkunveno, laŭ la regulo

X.

AMENDOJ. Ĉiu asociano rajtas proponi aldonojn, forstrekojn, modifojn aŭ aliajn amendojn al la statutaro, kiuj devas atingi la Internan Sekretarion almenaŭ du monatojn antaŭ la Jarkunveno, kaj bezonos la sankcion postulatan en regulo IX antaŭ ol validiĝi.

# KALOMANO KALOCSAY — 80 JARA




*STREĈITA KORDO*

*Streĉita kordo! Ĝojo kaj lamento*
*Vibrigis vin. Sed ili al la brust'*
*Delonge fremdas kaj indiferento*
*Jam kovras ilin per dikpolva krust'.*
*Kordo, vi longe kuŝis en silento,*
*Jam eble vi eĉ raŭkas pro la rust' . . .*
*Resonu tamen la kaŝitajn kantojn,*
*Vi eble povos trovi aŭskultantojn.*

*Malnovaj kantoj! Ho, ĉu estas ili*
*La miaj do? Mi ja ne scias mem.*
*Ĉu sentojn tiel povis min ekzili,*
*Ke min ne tuŝas jam ilia trem'?*
*Ĉu tiel povas mi min malsimili,*
*Ke, sen kompren' mi miras pri poem',*
*Kiun mi kantis iam larme, sange?*
*Ho, jes ja, tiel estas, eĉ se strange.*

* * *

*La fremdiĝinta tinto de liuto*
*Kun ĉiu sia tikla rim'*
*El ĝena troproksim', per vasta ŝuto,*
*Forflugu al la fremda malproksim',*
*La kantojn, kiuj premis min per muto,*
*Mi fine jetu jam el la anim',*
*Kiel balaston jetas la balono,*
*Por flugi al pli alta regiono,*

**K. Kalocsay**

---

*KALOMANO KALOCSAY—PRIMEMORO NASKIĜTAGA*

*„. . . Preskaŭ 60 jaroj per si mem pruvas la sindonan fidelecon al nia „afero", sed tiu altkvalita multfaceta laboro, la eksterordinare riĉa produktaĵo dum pli ol duonjarcento donas al ni rajton meti lin inter la korifeojn de la klasika periodo de nia lingvo. Laŭ lia akademiano-kunulo Ludoviko Tarkony, la loko de nia veterano estas senpere apud Zamenhof, Grabovski kaj Kabe . . ."*

*„. . . Mirinda estas* ***la*** *fekundeco, la kreoscio, la konstanta verkademo de nia festito. Pli ol 20 libroj enhave kaj stile valoraj, atrikoloj ne kalkuleblaj en la E-gazetaro pri variaj temoj pripensigaj kaj instrudonaj estas nur kvanta karakterizaĵo de signifo sekundara . . ."*

*„. . . Lian laboron karakterizas* ***la*** *fervoro. Jes, la fervoro. Kion diris Kalocsay en 1937, okaze de la 50-jara datreveno de la Esp-movado? Intervjuite pri la estonteco de Esperanto en la sekvaj 50 jaroj, il diris interalie:*

*„. . . Ni havas rajton je belaj esperoj. Tamen nura e s p e r o ne tro helpas, la ironio de la lingvo rimigas ĝin kun v e s p e r o. Ni serĉu vorton, kiu rimas kun a ŭ r o r o !*

*Ĝi estas — „f e r v o r o !"*

*El. „Hung. E-sto" okt. 1971*

---

*La redakcio de* ***„Internacia Jurnalisto"*** *tutkore kaj frate salutas nian amatan kolegon — grandan Esperanto-poeton kaj fervoran esperantiston Kalomano Kalocsay kaj varme gratulas lin okaze de la 80-a datreveno de lia naskiĝo!*

PIANITA BRITA FILIO

Bulteno 1 junio 1971

ĈIU nepre konsentos ke, en la longa batalado por diskonigi la Internacian Lingvon, unu el la plej potencaj armiloj estas la presita vorto.

La legantoj de la mondo konsumas en ĉiu tago centojn da tunoj da libroj, ĵurnaloj, gazetoj, revuoj, raportoj, flugfolioj kaj aliaj presaĵoj. Sed kiom ofte ili legas ion pri Esperanto?

TEĴA fondiĝis en 1948, celante organizi niajn ĵurnalistojn, redaktorojn kaj verkantojn kaj ordigi ilian servadon al nia movado. En kelkaj landoj, precipe en Orienta Eŭropo, ĝi gajnis membrojn kaj subtenadon, sed ĝenerale ĝi estas ankoraŭ malforta kaj ne efike koherigita, kaj mankas al ĝi sistema direktivo.

Temas ne nur pri propagandaj artikoloj en naciilingvaj organoj, nek nur pri literaturaĵoj en esperantaj gazetoj, sed pri tia ampleksa, akurata kaj fidinda informservo al al tutmonda publicistaro, kiu konvinkos la publikon, ke nia lingvo estas valora kaj uzenda rimedo por pli kompleta disvastigo de ideoj.

Tiu koncepto necesigas kompetentan organizon, kun branĉoj aŭ filioj en multaj landoj, por verki, traduki kaj interŝanĝi informojn pri ĉiaj temoj.

Britujo estas unu el la landoj, kie tia branĉo ankoraŭ ne ekzistas, do la brita voĉo malofte aŭdiĝas en lokoj, kie la brita vidpunkto estas tro ofte miskomprenata. Unuflankaj argumentoj fruktas magre; ju pli intime oni komprenas, des pli inkline oni toleras — kaj amikiĝas.

Estas evidente, ke aktiva filio de TEĴA estus valora rado en la informa maŝino kaj antaŭ pli ol unu jaro mi proponis min kiel provizoran peranton de TEĴA, ĝis kiam fondota filio povus elekti profesian ĵurnaliston, aŭ alian kompetentan samideanon, kiel sekretarion. Mi estis tuj akceptita.

De la komenco mi danke ricevis fortan apogon kaj utilan konsilon de la sperta d-ro A. Mildwurf, kaj ni kune konsentis, ke stabila filio bezonus almenaŭ 10—12 membrojn. Sekvis abunda korespondado kaj alvokoj al skribemuloj. Ni provizore decidis, ke la filio bezonos minimume tri oficistojn — prezidanto, sekretario kaj kasisto — ankaŭ por pagi la TEĴA-n jarkotizon (1 usona dolaro) kaj la administrajn elspezojn (afrankoj ktp.), ni devus postuli nur 75 novajn pencojn de ĉiu filiano.

Ĝis nun ni varbis nur kvin aliajn membrojn, de la fondontoj de la brita filio (en alfabeta ordo) estas aktuale jenaj: —

FIELDING, s-ro C.; 1, Church Road, Horfield, BRISTOL 7.

MAITLAND, s-ro F.; Braeside, Kenardington, ASHFORD, Kent.

MILDWURF, d-ro A.; 71, Compayne Gardens LONDON, NW6 3RS.

OCKEY, s-ro E.; 15, Upper Pines, Woodmansterne, CANSTEAD, Surrey.

RAZZEIL, s-ino N. M.; 8, The Drove, BRIGHTON, BN1 5NN, Sussex.

RYTJKOV, s-ro N; ĉe London Esperanto Club, Ered Tallant Hall, 153, Drummond St., LONDON, NW1.

THOMSON, s-ro A. W.; 315, Bellegrove Road, WELLING, Kent.

ĈU VI SKRIBAS? — Jes? Do vi kapablas helpi! Pri iuj temoj vi nepre posedas sciojn kaj opiniojn. Utiligu ilin por Esperanto! Komuniku senprokraste al mi — A. W. Thomson (Avoto) — adreso supre.

ORGANO DE TEĴA. — Ĉiu kotizinta TEĴA-ano ricevas sen plua pago la gazeton de la asocio — INTERNACIA ĴURNALISTO.

LA LONDONA KOGRESO. — Mi klopodas aranĝi fakkunvenon por TEĴA dum la Universala Kongreso en Londono (31/7—7/8/71). Detalojn mi anoncos en sekvanta bulteno. Ĉiuj ĵurnalistoj, redaktoroj kaj verkantoj (ĉu profesiaj, ĉu amatoraj), ankaŭ interesataj kongresanoj, estas kore invitataj.

DONACOJ. — Ni dankos donacojn de iu ajn por la kostoj (presado, reklamo ktp.) de nia iniciatita kampanjo. Oni pagi ĉekojn kaj poŝtmandatojn al „Brita Filio de TEĴA".

Represo, tuta aŭ parta,
permesata — eĉ petata.

---

„I. Ĵ„ aperigas la cirkuleron de la brita filio, kiun oni dissendis al ĵurnalistoj

---

## *NIAJ KOLEGOJ EN ANGLIO AKTIVAS*

*Kiel ni informis en la pasinta n-ro de „I. Ĵ.", en Anglio kelkaj kolegoj bone aktiviĝis, ekagante fondi Filion de TEĴA en sia lando. En la centro de tiu aktiveco kaj iniciatanto estas nia tejano A. W. Thomson (AVOTO). Li ekfunkciis kiel provizora brita reprezantanto de TEĴA. S-ano AVOTO, kun la helpo de kolego Mildwurf kaj aliaj kolegoj prizorgis ne nur la starigon de la FILIO, sed ankaŭ prizorgis la antaŭpreparan laboron por la bona organizado kaj preparo de la Jarkunveno de TEĴA en la kadroj de la Universala Kongreso de Esperanto en Londono ĉi jare.*

*Samtempe s-ano AVOTO ellaboris Projekton de Statuto por TEĴA. Ĉar nia Asocio jam havis Statuton, kiun s-ano AVOTO ne konis, laŭ la decido de la Jarkunveno de TEĴA en Londono, en la nuna n-ro de „Internacia Ĵurnalisto" ni aperigas la Projekton de AVOTO. Ĉiu kolego tejano povas kompari la malnovan Statuton kun la Projekto de AVOTO, forstreki aŭ aldoni ion novan kaj sendi siajn opiniojn kaj rekomendejn al la Ĝenerala sekretario de TEĴA aŭ al redakcio de „I. Ĵ." Iujn proponojn ni povus aperigi en n-ro 1 (1972) de „I. Ĵ." Post tio la Estraro de TEĴA pridiskutos kaj ellaboros la kompletigitan statuton, kiun ni povas voĉdonigi kaj aprobi antaŭ kaj en la nova Jarkunveno de TEĴA.*

## SIMON ĈIKOVANI
(kartvela poeto)

### KIU DIRIS?

*Kiu diris, ke malgranda estas*
*La patrujo mia, kartli kara?*
*Ke ĝi kvazaŭ eta disko nestas*
*Inter montoj en naturo rara?*

*Hej, vi metu super roko rokon*
*En nebula ŝaŭmo arĝenta!*
*Vi aŭskultu cervan trumpan vokon,*
*Ĉe l' tempi' flugilon aglan sentu!*

*La potencon' de la fortikaĵoj*
*Per okuloj majstraj vi mezuru;*
*Vi kolektu farbojn de l' kreskaĵoj,*
*Kiuj brilas de la temp' obskura.*

*Huraganan vi mezuru venton,*
*Kiu muĝas de l' montfaŭk' premita;*
*Forton de l' riveroj bolbruantaj,*
*Kaj tuŝantaj nubajn montajn pintojn.*

*Spacon, trairitan de praavoj;*
*Tempon de malvenkoj la kruelan,*
*Kaj de Gorgasalo* paŝojn bravajn —*
*La respond' al fido de kartveloj.*

*Per la mano en batal' hardita*
*Vi ektuŝis de Derbent** pordegon,*
*Kaj ekvidos tiam mirigita*
*Senlimecon de l' patruj' grandega*

El kartvela Esperantigis
Ida Lisiĉnik

* G o r g a s a l o — la kartvela caro en la V jarcento, fondinto de la urbo Tbilisi — nuna ĉefurbo de Kartvela Respubliko, konata ankaŭ pro siaj venkoj super la multnombraj malamikoj.

** D e r b e n t — la urbo, tra kies pordegoj ĉiam penetradis Kartvelion la malamikoj. Venkinte la turkojn, Gorgasalo detruis la konstruitajn de ili post unu sia venko triumfan pordegon.

## RASIK GAMZATOS
(Dagestana poeto)

*Ni ĉiuj mortos, senmortec' forestas.*
*Ne nova estas tiu homa sort'.*
*Sed gravas — kio post la homo restas —*
*Ĉu domo, pado, arbo aŭ vort'.*

*Ne ĉiuj ja sekiĝas riveretoj,*
*Ne ĉiujn kantojn tempo forgesigas.*
*Obligas forton de l' river fontetoj*
*kaj famon nian kantoj eternigas.*

Elrusigis Ida Lisiĉnik

### SUKCESO

*Kantis mi, laŭdis min la kritik',*
*kiel ĉi kantoj ekskuis!*
*Ne, nur vaglumoj ja en rememor'*
*tristan animon trafluis.*

*Diris ĝi: Kia memtipo de vers',*
*kia potenc' en mi, grando!*
*Ne, ne! Nur naskis min en Silezi'*
*mort-turmentita hejmlando.*

*Oni recitis la versojn en Prag',*
*homoj aplaŭde fervoris.*
*Kial? Ke vivis Maryĉka, ke nin*
*oni en Frydek strangolis?*

*Foje, se sub la Beskida montar'*
*torĉ' antaŭ Têŝin ekflamus*
*kaj la homvicojn en takto de marŝ'*
*mi per la kant' akompanus,*

*se vi, ho gento tretita, en jug'*
*endormigita giganto,*
*t i e l komprenus al mia kantar',*
*dirus mi: Taŭgis la kanto.*

**P. Bezruĉ**

---

## LA REDAKCIO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" APERIGOS OPINIOJN KAJ PROPONOJN POR PROJEKTO DE NOVA STATUTO DE TEĴA

En la nuna n-ro (3—4) de „Internacia jurnalisto" ni aperigas la malnovan Statuton kaj la projekto-Statuton de TEĴA, proponitan de anglaj teĵanoj en la Londona jarkunveno de nia Asocio.

Ni invatis ĉiujn membrojn de nia Asocio sur la paĝoj de nia organo diri siajn opiniojn kaj proponojn por ŝanĝoj en la Statuto de TEĴA. La proponitajn opiniojn ni aperigos en n-ro 1/1972 de „Int. ĵurnalisto". Post tio la Estraro de TEĴA, konsiderinte la proponojn, ellaboros la novan Statuton de TEĴA, kiun oni voĉdonigos eble en jarkunveno de la Asocio.

Gekolegoj, sendu tuj viajn opinioin kaj proponojn al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".

## PRI NIA NEUTRALECO

**En la kadro de la Londona Kongreso de UEA okazis diskuto pri tiu temo. Ni publikigas la opinion-diskutkontribuon de Rudi Gratz — germana s-anoal la temo „Neŭtraleco de UEA — ĉu la nuna laŭstatuta koncepto estas adekvata?"**

Neŭtraleco estas ofte diskutata problemo — nocio, tro diversmaniere interpretata, depende de la ideologio de la unuopulo, depende de la politika pozicio de la organizaĵo.

Ni vivas en mondo, kiu konstante ŝanĝiĝas. Ne estas kontestoble, ke ankaŭ la enhavo de la nocio neŭtraleco ŝanĝiĝis kaj plue ŝanĝiĝos. Cetere, laŭ mia opinio, absoluta neŭtraleco ne ekzistas kaj ni ne devas debati pri tiuj problemoj, pri kiuj ni povas esti neŭtralaj kaj pri tiuj, kie objektive ne eblas neŭtraloco.

Se UEA volas plenumi siajn celojn kaj samtempe gardi universalecon, tiam estus ĝuste, konsideri tre serioze la realecojn de nia aktuala mondo. Tiu ĉi diskuto povas kontribui al la plua konsciiĝo pri tio. Do, oni devas trovi pozicion, kiu respondas al la gravaj taskoj de la homaro.

Mi do opinias, ke UEA ne povas ne havi pozicion pri ĉesigo de aktualaj militoj, pri la gardo de la tutmonda paco, pri malarmado, rasdiskriminacio kaj aliaj problemoj, pri kiuj la Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESKO ekzemple prenas pozicion. En ĉiu rilato mi ŝatus substreki, ke en la ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj, kiel ĉefcelo estas formulita:

1. „Konsorvi la internaciajn pacon kaj sekurecon kaj tiucele apliki efikajn kolektivajn rimedojn por preventi kaj forigi minacojn kontraŭ la paco kaj por subpremi ĉian agon de agreso aŭ alian rompon de la paco, kaj realigi, por pacaj metodoj konforme al la principoj de justeco kaj internacia juro, la ĝustigon aŭ la solvon de internaciaj disputoj aŭ de situacioj, kiuj povus konduki al rompo de la paco".

Ĉu UEA ne plu akcentite povas subteni tiun ĉi celon?

Mi opinias, ke UEA ne bezonas subteni detalajn partipolitikajn starpunktojn, se ĝi subtenas tiun gravan celon de Uniĝintaj Nacioj. Same UEA povus havi starpunkton ekzemple pri la neceso de konferenco de Eŭropa Sekureco, pri samrajta kunlaboro de ĉiuj ŝtatoj en ĉiuj internaciaj organizaĵoj.

Plue mi opinas, ke UEA ne povas toleri genocidojn sur la tero, inter kies viktimoj ankaŭ estas esperantistoj. En tiu ĉi rilato ni, germanoj, havas amarajn historiajn spertojn, se ekzemple ni pensas pri la terura sorto de familianoj de la aŭtoro de Esperanto, d-ro Zamonhof kaj aliaj famaj esperantistoj. Pri ilia neŭtraleco oni ne demandis, kiam oni murdis ilin.

**Konklude mi do opinias,** ke internacia organizo, kiel UEA, devas praktiki pozitivan neŭtralocon kaj subteni la principojn de paca kunekzistado inter ŝtatoj de diversaj sociordoj. Ŝajnas al ni, ke kaj en la kongresparoladoj de la prezidanto de UEA, profesoro Lapenna en Vieno kaj tiu en Londono estis akcentite, -ke UEA en la demando milito kaj paco devas preni pozicion.

La pozitiva estonta evoluo de UEA kiel senpartia organizaĵo dependas grandparte de la konkreta alpaŝo al tiu demando.

## LA ALIAJ GAZETOJ PRI NI KAJ PRI NIA ORGANO

De tempo al tempo iuj esperantaj kaj ne esperantaj gazetoj aperigas notojn kaj informojn pri nia TEĴA, pri „Internacia Ĵurnalisto" aŭ represas materialojn el nia organo. Tion preskaŭ en ĉiu n-ro faras „Ilustrowany Kurier Polski" en urbo Bydgoszcz, Pollando, kies redaktoro, membro de TEĴA, gvidas specialan Esperanto — rubrikon, aperanta en ĉiu numero. La gazeto aperas en pola lingvo.

En sia n-ro 207 „Ilustrowany Kurier Polski" aperigis artikolon pri nia organo „Internacia Ĵurnalisto" kaj pri TEĴA.

„The Worker Esperantist" — organo de la laboristaj esperantistoj en Anglio en sia n-ro 229 (septembro 1971) represis el „Internacia Ĵurnalisto" (n-ro 2) la artikolon de R. T. Sanberg „La redaktaarto gravas en la informado".

### REPRESOJ EL „INTERNACIA ĴURNALISTO

Al la organo de nia TEĴA turnis atenton ankaŭ aliaj Esperanto — kaj nacialingvaj gazetoj.

En n-ro 2—1974 de „IĴ" aperis la artikolo de la bulgara ĵurnalisto Ivan Strogov sub la titolo „Kiel oni venkas la lingvan baron en UNO?" Pro sia interesa enhavo, tuŝanta gravan problemon, la artikolo estis represita aŭ menciita de kelkaj gazetoj.

La menciita artikolo estis represita de la E — gazeto „The Worker Esperantist", en la septebra n-ro 1971.

La artikolo de Ivan Strogov aperis en rusa lingvo en la ĵurnaloj „Kutaiskaja Pravda" (Kutaisa Vero) n-ro 104,4 sept. 1971 kaj „Molodeĵ Gruziy" (Junularo de Kartvelio, n-ro 10,16 sept. 1971. Tiu ĉi n-ro de „Molodej Gruziy" aperis kune (en unu ĵurnaloe kun la ĵurnaloj „Molodeĵ Azerbajĝana" (Junularo de Azerbajĝan) kaj „Komsomolec" — ĉiuj tri organoj de la CK de Komsomolo respektive — de Kartvelio. Azerbajĝano kaj Armenio (la lasta — „Komsomolec)".

La artikolo estis represita ankaŭ de la urba ĵurnalo „Kutaisi", (n-ro 178 de 4 de sept. 1971), kiu aperas en kartvela lingvo.

La tradukojn faris s-ino Ida Lisiĉnik.

„Hungara Esperantisto" julio 1971, mencias pri la artikolo „Kiel oni venkas la lingvan barilon en UNO?", citante parton de la artikolo, kiu aperis en n-ro 2,971 de „Int. Ĵurnalisto".

La artikolo estas menciita ankaŭ en la, pollingva ĵurnalo „Ilustrowany Kurier Polski".

## Sub la plumo de la Ĵurnalisto

# ARKITEKTURO DE LA ĴURNALO




*Unuavide la arkitekturo de la ĵurnalo estas temo, kiu interesas malvastan rondon de specialistoj, kiuj laboras sur tiu ĉi kampo. Sed se oni aldonus al ili ĉiujn ĵurnalistojn, partoprenantajn rekte en la produktado de la ĵurnalo, la aŭtorojn, kiuj kunlaboras ĉe la redaktado, la laboristojn el la poligrafio, la studentojn pri ĵurnalismo kaj grandan rondon da legantoj, kiuj ne estas indiferentaj al la formigo de la ĵurnalo—la rondo konsiderinde plivastiĝas. Tion klarigas la rapida transformiĝo de la aperinta antaŭ kvar jaroj libro de Dimitar Georgiev „Arkitekturo de la ĵurnalo" en bibliografian maloftaĵon. Pro tio kun intereso oni renkontas ankaŭ la duan eldonon de la libro, aperinta antaŭ nelonge en la librejoj.*

*La nuna eldono konsiderinde diferenciĝas de la unua. Ĝi estas fakte nova, originala, plivastigita pristudo de la historia procedo, nuntempa stato kaj la perspektivo por evoluo de la grafika vizaĝo de la ĵurnalo kaj de la organizado de ĝia produktado. En la libro aperas novaj temoj, kiuj mankas en la unua eldono; pri la teoria fundamento de la ĵurnalo, ĝia disvolviĝo eksterlande kaj ĉe ni (en Bulgario), la organizado de la produktado kaj la laboro de la sekretariaro, por elektado de la litertipoj, la skemo de la grafika koncepto de unu ĵurnalo, prognozo por disvolviĝo en la proksimaj dudek-tridek jaroj. Krom tio la aŭtoro konatiĝas nin kun la konceptoj de multaj specialistoj, troviĝantaj en la profesia literaturo kaj li mem esprimas sian rilaton al tiuj konceptoj.*

*La dua eldono de la „Arkitekturo de la ĵurnalo" diferenciĝas per analitika pentrado de la grafikaj specifecoj de la plej disvastigitaj priformadaj stiloj en la praktiko kaj teorio de la presarto. En la libro oni pritraktas la plej disvastigitajn ĵurnalojn de 50 landoj, estas farita revuo de la priformado de la bulgara gazetaro ekde ĝia fondiĝo ĝis nun. Kvankam mallonge, aparte enhavoriĉe estas analizitaj la ŝanĝoj en la grafika vizaĝo de niaj bulgaraj ĵurnaloj dum la lastaj 25 jaroj „. . . tempo, en kiu estis provataj kaj eksperimentataj ĉiuj fundamentaj manieroj de la nuntempa priformada arsenalo, periodo de pliĝustigo de la konceptoj kaj la praktiko.*

*La aŭtoro tuŝas ĉiujn aspektojn de la arkitekturo de la ĵurnalo, donante grandan atenton al iuj gravaj por la praktiko demandoj — la stila unueco, la titoloj, la ilustroĵoj, litertipoj, aparte pri ilia elektado lige kun la higieno de la legado. La oportuneco de la legado estas ĉefa kriterio ĉe elekto de la fundamenta teksta litertipo — tiu penso ne devus esti forgesata de iuj ĵurnalformantoj, kiuj ofte transformas la diverskolorecon de la ĵurnalo kaj multtipan literaron en memcelon.*

*La nova eldono de „Arkitekturo de la Ĵurnalo" povas esti taksata kiel fundamenta verko, kiu pritraktas sur larĝa fundamento de esploroj de la historio kaj la nuntempa praktiko la trajtojn kaj tendencojn por disvolviĝo en la formado de la ĵarnalo. Sur la paĝoj de la libro oni sentas la stilon de kompetenta kaj konscia esploristo, kun postulema gusto kaj riĉa sperto de ĵurnalisto — priformanto kaj organizanto, akumulitaj de multjara praktiko en la redakcioj de la ĉiutagaj ĵurnaloj „Narodna mladeĵ", „Trud" kaj „Otečestven front" kiel respondeca sekretario kaj ĉefa vicredaktoro. Tio faras la libron aparte proksima al la homoj de la priformada laboro, al ĉiu kiu havas intereson al la produktado de la ĵurnalo.*

*Oni nur povas bedaŭri, ke diference de la unua eldono, la nuna poligrafia presformo de la libro ne respondas al iuj postuloj de la higieno de la legado, pritraktitaj de la aŭtoro en la dediĉita pri tiu celo ĉapitro. Tro malgrandigitaj estas la blankaj marĝenoj de la paĝoj en iuj lokoj, ne sufiĉas „aero", ofte la teksto vidiĝas ambaŭflanke de la papero . . . Ĉio ĉi iom malheligas la ĝajecon de apero de tiu bela kaj utila libro antaŭ la publiko.*

*Tradukis: N. Nanov*

---

## INFORMOJ—SCIIGOJ

### DIPLOMA LABORO EN ESPERANTO

Esperantistino el urbo Klaipéda Veronika Bruĵilaité (Veronika Bruĵilaite) finis ĉi-printempe en Vilniusa Ŝtata Universitato studojn pri ĵurnalistiko, defendinta diploman laboron je temo „Esperanto kaj la preso". La gvidanto de la laboro estis docento J. Būlota. Fontojn por la studo Veronika Bruĵilaite trovis en sciencajn bibliotekojn de Vilnius, ankaŭ ĉe kelkaj esperantistoj. La diplomlaboro ampleksas pli ol 80 paĝojn.

### ANONCETO

Pli ol 70 novaj esperantistoj, membroj de Fo-Ki-Ma — amika rondo ĉe „Orion—Televido" deziras korespondi kun samfakaj esperantistoj el la tuta mondo. En la amika rondo estas multaj filatelistoj kaj naturamikoj. Adreso: Esperanto „Ko-Fi-Ma", amika rondo, Orion televido, Budapest 10. pf. 84, Hungario

Kutaisi 28. IX. 1971

AL LA ĈEFREDAKTORO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Ivan Esperov

Kara kaj tre estimata k-do Esperov!

Kune kun ĉi letero mi sendas al vi du niajn lokajn ĵurnalojn: „Kutaiskaja Pravda", kartvellingvan „Kutaisi" kaj ruslingvan respublikan tre popularan junularan ĵurnalon „Junularo de Kartvelio", en kiuj estas presita en mia traduko la artikolo de Ivan Strogov „Kiel oni venkas la lingvan baron en UNO" („IĴ" N-ro 1. 71).

La artikolo vekis tre granden intereson, kaj mi estas certa, ke nenia alia ĵurnalo rifuzas ĝin publikigi.

Eĉ surstrate min haltigis kelkaj personoj por rakonti kun kia intereso ili legis tiun artikolon. Doktoro pri filologiaj sciencoj k-do Ŝamelaŝvili rakontis al mi, ke lin tre mirigis la ekzisto de Esperantlingva gazeto „Internacia Ĵurnalisto", kie li legis tian interesan artikolon. Demandinte min ĉu mi abonas tian gazeton, li petis permeson viziti min por konatiĝi kun ĝi.

Do ni vidas, ke la sola mencio, ke la artikolo estas tradukita el la Esperantlingva gazeto „IĴ", estis tiom efika propagando de Esperanto kaj ĝia preso.

Sed bedaŭrinde sur la paĝoj de „IĴ" ni ne tre ofte renkontas seriozajn artikolojn de diversnaciaj ĵurnalistoj, artikolojn, kiuj prezentus intereson ne nur por esperantistoj kaj pri Esperanta movado, sed kiuj traktus aktualajn problemojn, interesajn por ĉiuj.

„Internacia Ĵurnalisto"! Tiu titolo al multo devigas eĉ per si mem. La organo ne nur de ĵurnalistoj, sed de internaciaj ĵurnalistoj! De kiu plu oni povas atendi artikolojn el diversflanka vivo en multaj landoj, pri modernaj problemoj kaj politika situacio en diversaj landoj, kultura vivo, arto, junulara movado, internaciaj okazintaĵoj, precipe materialon, kiu ne estas trovebla en la naciaj ĵurnaloj.

Se el ĉiu lando, kie troviĝas esperantisto-ĵurnalisto, nia gazeto estus ricevinta almenaŭ unu artikolon monatan „IĴ" ne havus rivalojn. Ĝi ja ne suferas pro lingvaj baroj, ĝi ne devas pagi honorarion al siaj kunlaborantoj, ĝi havas realan eblecon havi proprajn korespondantojn el dekoj da landoj. Kial do tio ne okazas? Kial en „IĴ" ni plej ofte trovas materialon nur el Bulgario, Sovet-Unio? Kial silentas la ĵurnalistoj el aliaj landoj?

Ankaŭ en Sovet-Unio troviĝas multe da ĵurnalistoj-esperantistoj, poetoj, verkistoj. Sed aktive kunlaboras nur k-doj Danovskij kaj Logvin. Kial? Sed kiom da interesaj okazintaĵoj, unikaj faktoj ili povas rakonti al la eksterlandaj legantoj de „IĴ" — pri la riĉega kaj multkolora krea vivo en nia lando.

Antaŭ la ĵurnalistoj de la tuta mondo kaj ankaŭ de ĉiuj abonantoj de „IĴ" staras la nobla tasko ne nur subteni la gazeton per larĝa abonado sendadi regule al ĝia valoran materialon, kiun volonte represus naciaj ĵurnaloj kaj gazetoj, se la artikoloj temos ne nur pri Esperanto. Sed la sola fakto, ke la fonto de tiaj artikoloj estas Esperanta gazeto, estus la plej efika propagando de Esperanto.

Al mi ŝajnas, ke tiu problemo estas nepre diskutinda sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto".

Ida Lisiĉnik

Kutaisi

USSR, Kutaisi
Puŝkinskaja 5/11

Praha 16. 7. 1971

Kara samideano Keremidĉiev,

kvankam iom malfrue, mi gratulu Vin okaze de la honorigo per alta ŝtata ordeno ricevita okaze de Via vivjubileo.

Mi ŝatus skribi al Vi hodiaŭ pri du aferoj:

Jam la 13 an de januaro 1969 mi proponis en la letero sendita al Vi kaj al la prezidanto de TEĴA eldoni bultenon por pliintensigi kontaktojn inter la ĵurnalistoj — ĉefe personaj — kaj kunordigi ilian laboron. (Unusola alvoko iam veninta al mi estis tiu de nia eksekretario el Podova, Junio 1970, en kiu li skribas pri la regula kontakto kaj postulas „pliefikigon de nia laboro"). Ve, neniam mi ricevis de li liston almenaŭ de la ĉefaj funkciuloj de la asocio. Kaj eble neniam mi legis ian artikolon en IĴ de aliaj estraranoj de TEĴA.

Lige kun la demando unua mi ŝatus instigi la estraron de TEĴA — se ĝi kunsidos en Londono — ke ĝi nepre okupiĝu pri la informado konekse kun la ĉeftemo de la nunjara UK. TEĴA devus lanĉi tiaspecan kampanjon.

Antaŭ nelonge ni komencis dissendadi gazetaran servon de ĈEA al kelkdekoj da gazetoj kaj institucioj — la rezultoj estas kontentigaj. Esperanto-organizaĵojn ni informas precipe pere de STARTO. Espereble vi honorde ricevas ĝin.

| | |
|---|---|
| T. S. Kopio al s-ono O. Thormodsen | Kun antaŭdankoj samideane Via O. Knichal |

Budapest, 10-an de Septembro, 1971

Kara sinjoro Kolego!

Mi estas redaktoro de la speciala ĵurnalista bilda mikro-magazino „Stelo de Eŭropo". Ĝi estas oficiala organo de la Esperanto „fo-ki-ma" Eŭropa Federacio kaj estas projekciebla sur la blanka muro aŭ ekrano.

La magazinon povas legi multaj personoj, ĉar ĝin oni povas projekcii laŭ plaĉa grandeco.

Mi deziras riĉigi vian ĵurnalon per informoj regule. Mi ĉi kune sendas al vi artikolon pri la uzina magazino, kiu estas la sola en la mondo. Mi petas por la tre valora artikolo kun foto malgrandan lokon en via ĵurnalista gazeto.

Mi invitas ĉiujn ĵurnaliŝtojn, ke ili nepre bonvolu partopreni en la serioza celo kaj laboro de Esperanto „fo-ki-ma" Eŭropa Federacio, kies membraro estas kulturaj, sciencaj ĵurnalistoj kaj pedagogoj en 22 eŭropaj landoj. Ili ĉiuj estas kunlaborantoj de junularaj programoj de eŭropaj televido — kaj radiostacioj.

Delegitaro de Esperanto „fo-ki-ma" Kultura kaj Informa Internacia Instituto funkcias en 118 landoj de la mondo. Nia Instituto havas tri federaciojn: Pacifikan, Oceanan kaj Eŭropan. La prezidantaro plej baldaŭ eldonos glumarkojn en 500.000 folioj. Vi povas vidi ankaŭ la nomon de via „Internacia Ĵurnalisto".

Anticipan dankon: Pölöskey

## *PRI LA KUNLABORADO AL „INTERNACIA JURNALISTO"*

*En la nuna n-ro de „Int. Ĵurnalisto" ni aperigas la interesan leteron de s-ino Ida Lisiĉnik el Kutaisi, Kartvela respubliko, USSR. S-ino Lisiĉnik juste pritraktas la ĝisnunan redaktadon kaj la materialojn, aperantajn en la organo de TEJA. Valoraj estas ankaŭ ŝiaj proponoj por pliboniĝo kaj pliriĉigo de la materialoj. Ni akceptas kiel pravaj la kritikajn notojn kaj dankas al nia kunlaborantino.*

*Plurfoje la redakcio de „IĴ" turnis sin al la membroj de TEJA kaj al ŝiaj legantoj kun peto kaj invito al pli konstanta kunlaborado al nia organo. Specialajn tinvitojn ni direktis al la kolegoj el la okcidentaj landoj. Tiun demandon ni starigis ankaŭ en ĝeneralaj jarkunvenoj de TEJA Tamen la rezultoj, kiel konstatas s-ino Lisiĉnik, ankoraŭ ne estas bonaj.*

*Profitante la okazon, la redakcio de „IĴ". ree alvokas siajn legantojn al regula kunraborado. Ni atendas priĵurnalistajn, precipe, rilatantajn nian profesion materialojn, krome—utilajn informojn, petojn, ŝanĝon de profesia sperto ks.*

*Al konstanta kunlaborado! „Int. Ĵ-sto" atendas senpacience la rekomenditajn de Lisiĉnik materialojn kaj aliajn valorajn kontribuajojn!*

## *ESPERANTISTA RENKONTIĜO*

*dum Foiro en Leipzigo (GDR) okazos 11. 3. 1972 en Klubo de la Inteligentularo „Gottfried-Wilhelm-Leibnitz" 701 Leipzig, Elsterstr. 35, je la 19, 30-a horo.*

*Vizitu la Esperantistojn en Leipzigo!*

## NIA POŜTO

S-ano Pölöskey, Budapeŝto. — Viajn leterojn ni danke ricevis. La redaktoro Esperov ne partoprenis la UK en Londono, pro tio li ne ricevis vian salutleteron. Ni petas vin: priskribu en mallonga artikolo la celejn de via „ĵurnalista" asocio, ĝiajn taskojn. Interese, ĉu via „federacio" ne povus funkcii kiel sekcio de Tutmonda Esp. Ĵurn. Asocio?

Florian Dez. Paraskivescu, Lupeni, Rumanio.—La abonkotizon vi povas pagi al s-no S. Zalmanovici, soseaua Catelu 19-sc. 2. Bukuresti 65, Romanio.

## ŜUBSKIBA KAMPANJO

**Universala Esperanto-Asocio nun prenas iniciaton por krei konstantan subskriban kampanon por Unuiĝintaj Nacioj. Ĝi estas direktita al parlamentanoj kaj signifaj unuiĝoj. Per speciala artikolo ĝi priskribas ĝiajn perspektivon kaj bazon. Taskon de komisiito por la kampanjo, akceptis ano Ib Schleicher e I Danlando. Adreso; Ib Schleicher Ved Bellahoj 21.13 DK-2709 Kopenhago BRH Danlando Telefono (01) BE 83 01). Li prenas la centran iniciaton, starigas laborplanon, kontaktas la landajn asociojn kaj aliajn por trovi agantojn, kunlaboros kun ili kaj cetere faros la necesan gvidan kaj administran laboron.**

AĜANTOJ

**En ĉiu lando necesas almenaŭ unu kapabla persono por fari la laboron. Plej bone estas, se tiu persono povas turni sin persone al ministroj, parlamentanoj kaj gvidantoj de signifaj unuiĝoj, — sed ankaŭ eblas fari la tuton skribe. Troviĝas laborplano kun kompleta materialo, kiun oni povas traduki. Tio signifas, ke la kampanjo devus esti ebla en preskaŭ ĉiuj landoj, kie entute troviĝas esparantistoj.**

**Ĉi tiu agado estas vere tre grava kaj urĝa, kaj tial ĉiuj landaj asocioj kaj unuopaj personoj estas insiste petitaj meti grandajn fortojn en ĝin i. a. por trovi en ĉiu lando almenaŭ unu laborkapablan homon, kiu kiel komisiito de la landa asocio povas esti aganto en la lando.**

LABOPRANO

**La laboro povas okazi sisteme kaj efike, laŭ la speciale ellaborita plano, sed kompreneble oni povas, se necese, labori malpli sisteme, ekz. sen kartotekoj. En ĉiuj okazoj estas gravege starti la laboron tiel rapide. kiel eblas.**

LINGVOJ KAJ BROŜUROJ

**Kiel eble plej konsekvence leteroj kaj broŝuroj al la subskribontoj devas esti en la koncerna nacia lingvo. En kelkaj afrikaj kaj aziaj ŝtatoj oni povus esti tentita uzi ekz. angle- aŭ franclingvan broŝuran materialon, ĉar en nacia lingvo ne ekzistas taŭga materialo. Tial s-ano Schleicher klopodos trovi eblecon por produkti malgrandajn kvantojn de la broŝuroj en tiuj naiciaj lingvoj.**

FINANCOJ

**La dana landa asocio mem pagas ĉiujn kostojn ligitajn al la dana parto de la kampanjo. Tio signifas la kostojn de papero, kovertoj, afranko, broŝuroj ktp.**

**UEA ne havas eblecon kovri tiajn elspezojn, kaj tial necesas, ke laŭeble la ceteraj landaj asocioj agu same, se la kampanjo ne fariĝu terure limigita. Espereble multaj trovos elirvojn por agi same kiel en Danlndo. Tio sendube konformas al ĉies interesoj, ĉar tia konstanta kampanjo estas efike uzebla ankaŭ en la cetera agado de ĉiu landa asocio.**

**La unuan vicon en la Subskriba kampanjo, kompreneble, prenos ĵurnalistoj, kies kapabloj kaj profesiaj ankaŭ la eblecoj permesos al ili eklabori persiste por la efektivigo de tiu grava tutesperantista afero.**

## JASNAJA POLJANA LOGAS

La muzeo — bieno de Leo Tolstoj „Jasnaja Poljana" akceptis trimilionan vizitanton.

Bileton kun cifero tri kaj ses nuloj ricevis Georgij Aleksejevic Denisov. ĉefo de fako de unu el novosibirskaj uzinoj, granda adoranto de Tolstoj — talento. La gajninto ripozis ĉe Riga antaŭmaro kaj reveninte hejmen, vizitis la muzeon-bienon. Li ricevis memoradreson kaj duvoluman verkaron de Leo Tolstoj.

A. Logvin, Moskvo

# AKTIVA ĴURNALISTINO

Ĵurnalistino, kiu vere en la ĉiutaga praktika vivo helpas la Internacian Lingvon Esperanto, estas samideanino Éva BÁNHIDI — redaktoro de „ORION UJSÁG". Jam depost 1963 jaro ŝi konstante apogas la internacian Lingvon kaj donas konstantan rubrikon por la disvastiĝo de la lingvo en la fabriko, kie la laboristaro produktas la mondfamajn televidoaparatojn „ORION". La produktaĵoj de la firmao estas popularaj en pli ol 80 landoj sur la kvin kontinentoj.

La ĵurnalo komencis publikiĝi en 1970 jaro esperantan kurson sub titolo: „fo-ki-ma Esperanto-lernejo". La kurso atingis grandan sukceson kaj en la entrepreno „ORION" en la „mikro-klubo" fondiĝis Esperanto-rondo sub la titolo „fo-ki-ma amika rondo".

La nova rondo en ĉiu monato dufoje organizas kunvenon en la belega salono „mikro-klubo". La klubon vizitis la pasintan jaron la HUNGARA TELEVIDO kaj tie la sonbendklubo pretigis bonsukcesan sonbendon sub la titolo „Popolkanta bukedo". La bonkonatajn hungarajn popolkantojn kantas S-ino Anny Dredor. La mandolino-ensemblo estas la sola operetmuzika ensemblo en la mondo!

Oni povs mendi la sonbendon ĉe „Mandolino-ensemblo „Emeriko Kálmán" ĉe Sindikata Komitato de Orion-Televido, dirigento S-ro Marcello Reddi Orion, Budapest, 10, poŝtfako 84.



S-ino Éva Banhidi

Ĵurnalistoj de la mondo! Bonvolu skribi amase al: Redakcio de Orion Ujiág, (redaktorino Éva Bánhidi) Budapest 10, poŝtkesto 84 HUNGARIO

---

**Adolf Stanura**

# SIMBOLOJ DE ESPERANTISMO

## 1 NIA INSIGNO

### (Fragmentoj el leteroj)

Varsovio, la 8-an de majo 1890.
Kara Karlo,

. . .

Multe mi meditis pri tio, kiel propagandi nian karan lingvon. Kaj antaŭ kelkaj semajnoj mi ricevis leteron de mia amiko kaj iama samklasano. Li loĝas en Krakovo. Jam de tre longe ni ne vidis unu la alian kaj ankaŭ ni ne korespondis. Li deziris, ke mi plenumu ian komision por li ĉi tie en Varsovio, sed li ne estis certa, ĉu lia letero trovos min laŭ la adreso, al li konata. Por ke lia letero povu eventuale reveni al li, li signis ĝin per sia stampo, kian li uzadas ordinare en sia metiejo, kiam li pretigas kvitancojn por pagitaj sumoj. Kaj sur tiu ĉi stampo, sub lia nomo, mi legas la vorton „horloĝisto." Do, nun venis al mi la penso: Ĉu mi ne povus havigi al mi stampilon kun vorto „Esperantisto"? Mi faris tion, por ke mi propagandu pli bone nian karan Esperanton. Kion vi pensas pri tio? Kiel plaĉas al vi la stampo, kiun vi povas vidi sur la koverto de tiu ĉi letero? Skribu al mi pri tio.

Kun koraj salutoj via varsovia amiko,

Johano.

* * *

Nürnberg, la 15-an de majo 1890

Kara amiko,

. .

Via penso pri la vorto „Esperantisto" en la stampo estas bona. Nur mi pensas, ke multaj homoj, kiuj ne estas esperantistoj, demandos: Kian metion havas tiu homo? Kaj oni devos klarigi al ili, ke tio ne estas metio, sed ke vi parolas internacian lingvon ktp. . . Sed, tamen bone. Tio estos temo por konversacii pri Esperanto. Cetere, unu mia amiko ĉi tiea presigis al si vizitkartojn simile aranĝitajn.

Ankaŭ mi volas propagandi Esperanton simile. Tial mi haviĝis al mi stampilon kun vortoj „Internacia Lingvo Esperanto," kion vi certe jam vidis, kiam vi prenis en la manon mian leteron. . . . .

. . .

Via germana amiko,

Karlo.

* * *

(Post tri jaroj.)

Varsovio, la 2-an de junio 1893.

Kara amiko Karlo,

. . .

Jam antaŭ tri jaroj mi komencis uzadi stampilon kun mia nomo kaj vorto „Esperantisto." Dum tiuj tri jaroj ofte mi pensis pri tio, kiel oni povus aranĝi, ke ni esperantistoj, ekkonu unu la alian en fremda lando, kiam ni renkontas nin. Kaj jen mi legis en „La Esperantisto" pri la propono de sveda samideano B. G. Jonson

## NIA HEIPREDAKTORO GASTE EN SOVETUNIO

Laŭ invito de estona amiko-esperantisto J. Nigols, s-ano Minko Conkovski gastis tri semajnojn en urbo Tallinn, Soveta Estonio. Li vizitis tri kunvenojn de la tre aktiva Tallinna esperanto-grupo. S-ano Conkovski estis invitita de la prezidanto de la grupo J. Ojalo doni intervjuon antaŭ radio Tallinn okaze de la 27-a datreveno de la socialisma revolucio en Bulgario pri la ekonomia prospero de lia lando post la revolucio kaj pri la Esperanto-movado en Bulgario. La intervjuo estis disaŭdigita en la 17-a de septembro j. k.

Krom Tallinn s-ano Conkovski vizitis Leningradon kaj Kievon, kie li renkontiĝis kun geesperantistoj. Lia impreso estas, ke la Esperanto-movado en Sovetunio, precipe en Baltaj landoj, estas tre aktiva.

## PERESPERANTA INTERVJUO

Dank' al la klopodoj de nia kolego O. Knichal, redaktoro, en Praga gazeto, aperis intervjuo donita de nia fama kolego — vjetnama ĵurnalisto kaj diplomato—Nguyen van Kinh, titolita „Ni atendas vian helpon"

## LA INTERNACIA LINGVO ESPERANTO

Aperis la tria eldono de la bone konata Seslingva Faldfolio, kies vera titolo estas: „La Internacia Lingvo Esperanto". La ses lingvoj estas ĉi-foje la angla, araba, franca, germana, hispana kaj rusa. La sama teksto en tiuj ses lingvoj rakontas ĉiujn bazajn faktojn pri Esperanto: pri ĝia strukturo, vortaro kaj fakaj terminaroj, literaturo, gazetaro, radio-elsendoj, kongresoj, organizajoj, rilatoj kun Unesko ktp. Sur la lasta paĝo de la faldfolio (formato faldita: 10×23 cm) staras 70 adresoj en 68 landoj, ĉe kiuj la interesitoj povas peti informojn pri Esperanto. Sur la fronta paĝo la titolaj vortoj ŝvebas sur blua fono inter du terglogoj fotitaj el la kosmo.

La faldfolion eldonis Universala Esperanto-Asocio. De la unua kaj dua eldonoj jam vendiĝis pli ol 50 000 ekzempleroj. La nova eldono estas presita en 25 000 ekzempleroj kaj estas vendata je la produktoprezo, t. e. po 0,08 gld. La inkluzivo de la araba lingvo (anstataŭ la japana) respegulas la kreskantan atenton de UEA al la arabaj landoj, kie la perspektivoj por Esperanto estas multe pli favoraj de post la apero de la Nobla Korano en Esperanto kaj de la novaj lernolibro kaj vortaro por araboj.

## ANONCO

Seriozajn korespondanoncojn por senpaga publikigo akceptos O. Knichal, red. de STARTO, organo de Ĉeha E-Asocio, Praha 2, p. k. 8, Ĉehoslovikio.

---

el Östersund, ke ni povus portadi peceton da silko sur la surtuta kolumo, kie ĝi estas bone videbla. Mi pensas, ke tiu ĉi penso estas bona, kaj krome mi pensas, ke la silketo povus havi ĉiam la saman koloron, pri kiu povus interkonsentiĝi la esperantistoj, ĉu jes?

Antaŭ kelkaj tagoj vizitis nian urbon unu samideano el Berlino. Ni estis surprizitaj, kiam li montris al ni malgrandan metalan kvadraton kun ora vorto „Esperanto" ĉe la ĉeneto de sia poŝhorloĝo. Li rakontis al ni pri sia amiko, kiu portas similan pendaĵon, malgrandan, ĉe sia nazumo!

. .

Amike via,

Johano.

* * *

Varsovio, la 19-an de septembro 1893.

Kara Karlo,

. . .

Mi eksciis interesan aferon de mia amiko. Li rakontis, ke nia Majstro (kiun mi vidadas nur iam hazarde) decidis, ke li eldonados ĉiujn siajn librojn nur kun verda kovrilo, ĉar la verda koloro estas la koloro de la espero. Oni diras, ke irlanda esperantisto, s-ro Geoghegan menciis al la Majstro, ke la verda estas la koloro de lia patrajo. Kaj nia Majstro diris al si, ke ĝi povus fariĝi ankaŭ koloro de esperantistoj. . . .

Kun amikaj salutoj,

Johano.

* * *

Nürnberg, la 1-an de oktobro 1893.

Kara amiko Johano,

. . .

Viaj informoj, kiel esperantistoj povus pli bone atentigi la publikon pri nia lingvo, se ili uzadus samspecajn atentigilojn, estas tre interesaj.

Jam antaŭe mi legis en „La Esperantisto," ke franca samideano Louis de Beaufront proponas: ke ĉiuj Esperantaj libroj havu verdan kovrilon kaj ke oni presu stelon sur ĝi.

En Francio jam aperis lernolibro, sur kies kovrilo estas presita la kvinpinta stelo. Mi pensas, ke tio estas bela ideo, ĉar ĉiu pinto signifas unu mondparton. Kaj Esperanto estos parolata en ĉiuj mondpartoj, ĉu ne? Mi decidis, ke mi mendu por mi stampilon kun tia stelo kaj kun vorto „Esperanto." Per ĝi mi stampos ĉiujn miajn leterojn kaj poŝtkartojn. . . .

Amike vin salutas,

Karlo.

* * *

Varsovio, la 8-an de oktobro 1893.

Kara amiko,

. . .

antaŭ kelkaj tagoj mi havis la okazon, legi interesan leteron de samideano Rjabinin. Li proponas, ke ĉiu esperantisto portadu malgrandan verden metalan rondeton 2—3 cm larĝan kun kvinpinta stelo en la mezo.

. .

Kun koraj salutoj,

via amiko Johano.

* * *

Nürnberg, la 20-an de oktobro 1893.

Kara Johano,

. . .

Jam mi sciis pri la propono de s-ano Rjabinin, ĉar mi legis ĝin en nia gazeto „La Esperantisto," kies redaktoron, s-ron Christian Schmidt, mi konas bone. Li estas prezidanto de nia mondlingva societo.

Sed mi legis informon, kiun vi bele pretervidis ankaŭ. S-ro P. Deullin proponis, ke oni akceptu verdan stelon el kia ajn ŝtofo kiel insignon de esperantistoj.

. . .

Mi sendas al vi korajn salutojn.

Karlo.

— „Mi estas Pelé“ — aŭtobiografia lukse eldonita libro de la mondfama „Futbal-Reĝo“ Pele (Edson Arantes do Nascimento) — 130 paĝa. Aldone 46 paĝoj kun artikoloj kaj multaj fotoj pri Pelé, kun belaspektaj kovrilpaĝoj. Eldono de Brazila Esperanto-Kooperativo, Rio-de Ĵanejro, Brazilo.

— La Pacaktivulo — informilo por-komitatanoj kaj aktivuloj de MEM (Mondpaca Esperanto-Movado) aperigas materialojn en n-ro 88/971 pri la okazinta Asambleo de Tutmonda packonsilantaro en Budapeŝto kaj pri la forpasinta eminenta soveta esperantisto prof. Evgenij Alekseeviĉ Bokarev k. a. Adreso: Nikola Aleksiev, biv. Hristo Botev 97, Sofia 3 Bulgario.

— La eldonagado de eldonejo — reklamfolio 4-paĝa pri eldonitaj Esperanto-libroj, ilustrita. Eldonis: Eldonejo TK. Box 11, DK-2850 Naerum, Danlando.

— Esperanto in FN — broŝuro 18-paĝa kun kovrilpaĝoj, ilustrita, en dana lingvo.

— Aktuelt em Esperanto — broŝuro 14-paĝa, ilustrita, en dana lingvo. Ambaŭ broŝuroj entenas mallongajn priesperantajn materialojn.

— Sileziaj Kantoj — poemaro de la eminenta ĉeĥoslovaka poeto Bezruĉ, kies 100-jaran jubileon oni festis pere de UNESKO T.





*Sen vortoj*

— Ĉehoslovensko-Zdiar — bone ilustrita prospekto-broŝuro kun aldona Esperanta broŝureto — 16 paĝa. Enhavas faktojn kaj informojn pri la pitoreska vilaĝo Zdiar, situanta en la belaj Tatroj, ĈSR.

Arabaj maksimoj de sepa jarcento kaj aliaj diversaj maksimoj de imamo Ali kaj aliaj aŭtoroj. El araba esperantigis Husen Al Amili. Paĝoj 80—eldonis la Araba Esperanto-Instituto, Bagdad 1967.

—Ĉu vi scias?, 8-paĝa broŝureto kun dudek bazaj faktoj pri la Palestina problemo de d-ro Fayer A Sayegh. Tradukis Al Amili. Eldonita en Bejrut, Libano, 1967.

— Adiaŭ, Sshewerin; La kvar Ventoj, k. a. versaĵoj, rakontoj, sentencoj, skribitaj en E. aŭ tradukitaj el la araba lingvo de la araba s-ano Husen Al AMILI.

*

Varsovio, la 10-an de novembro 1893.

Kara Karlo,

. . .

Mi konsentas, ke ĉiuj esperantistoj havu la verdan kvinpintan stelon kiel sian insignon. Tial mi mendis por mi stampilon kun tia stelo kaj mi uzados verdan inkon. Mi pensas, ke estus tre utile, se iu komercisto presigus sur granda kvanto da leterkovertoj kaj paperoj belgustan kvinpintan verdan stelon kun vorto „Esperanto“.

. . .

Via amiko,

Johano.

[Post uuu jaro).

Nürnberg, la 20-an de novembro 1894.

Kara Johano,

Jam longe ni propagandas nian lingvon per verda kvinpinta stelo. Sed, ĉu vi legis en „La Esperantisto“? Iu s-ino Proĥoroviĉ el via lando proponas, ke ĉiu esperantisto portu oran stelon, ĉu el origita bronzo, ĉu el origita aluminio. Kaj ŝi ofertas, ke ŝi liveros tiajn stelojn, el bronzo po 1 rublo, el oro po 8 rubloj.

Mi ne komprenas, kial ni, esperantistoj, ne povas unueciĝi, ja ni estas samideanoj! Mi estas konvinkita, ke kvinpinta stelo verdkolora plej bone kunigas en si la ideon, kian havis nia Majstro, kiam li kreis nian lingvon. Kion vi pensas pri tio, kara amiko?

. . .

Korajn salutojn mi sendas al vi. Via,

Karlo.

(Post plua jaro.)

Varsovio, la 18-an de junio 1895.

Kara Karlo,

. . .

Imagu, ke mi ricevis de mia amiko el Moskvo leteron, en verda koverto, kaj kun surpresita ora stelo kaj surskribo: Lingvo internacia Esperanto. Ĉi plaĉas al mi. Tiujn kovertojn eldonis la Odesa Rondeto Esperantista. Sed kiel vi, ankaŭ mi estas certa, ke la plej konvena koloro por la stelo estas la verda. Tamen, sur libroj ĝi estas presata nigre, sur kovertoj ore, ĉu ne esperantistoj povas supozi, ke tiaj diverskoloraj steloj havas ion komunan?

. .

Tre amike vin salutas,

Johano.

* * *

Kaj tiel plu, neunuece, iris la afero de nia insigno. Ankoraŭ dum la kunveno en Calais kaj Dover, en aŭgusto 1904, s-ro Pourcine proponis, ke espentistoj havu ian komunan insignon. Do, evidente, ĝi ne ekzistis ankoraŭ.

Kaj oni iel forgesis la iaman proponon de s-ro Deullin, ĉar d-ro Zamenhof skribis en sia letero, publikigita en „The British Esperantist“ en la jaro 1912: „. . . Poste per asociado de la ideoj (t. e. verda koloro plus stelo — rim. de la aŭtoro) aperis stelo kun verda koloro.“

Sed mi pensas, ke la definitivan formon donis al nia insigno tio, kio okazis en julio 1905 en Boulogne sur Mer.

(Sekvas pri la standardo kaj la himno)

# HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO INVITAS VIN AL HUNGARIO

En julio de 1972 estos organizitaj

ESPERANTO — SEMAJNOJ

en tri diversaj partoj de nia lando

1. BUDAPEST,

la „perlo de l'Danubo" prezentos al Vi la hungaran kulturon en la kadro de HUNGARA KULTUR-FESTIVALO sub aŭspicio de UEA (17—23 julio 1972)

En la programo ni prezentos menciindajn verkojn de nia klasika kaj moderna arto kaj literaturo. Krom la arta programo ni organizos viziton de la urbo, ekspoziciojn kaj ekskursojn.

Ni zorgos pri ejoj por fakkunsidoj laŭdezire.

Provizora programo de la Kultur-Festivalo:

1. Solenaj aranĝoj:
   - — Inaŭguro
   - — Ferma kunsido
2. Kulturaj programoj:
   - — Prezento de l'hungara literaturo — poezio kaj prozo
   - — La hungara muziko
   - — Kanto kaj ĥoroj
   - — Folklor-prezentado
   - — Filmprezentadoj
3. Servoj:
   - — Loĝiga Servo
   - — Ekskursa Servo
   - — Vizito de muzeoj, art - ekspozicioj
   - — Diversaj fakkunsidoj

Loko: Ĉefurba Kultur - Domo, Budapest, XI.

Dato: 17—23 julio, lundo-dimanĉo

Aliĝkotizo: 240.— forintoj aŭ 33 svisaj frankoj

Detalan informon petu de la organizanto:

HUNGARA ESPERANTO ASOCIO,
BUDAPEST 5. Poŝtfako 193.

2. GYULA,

la ban- kaj ĝardenurbo, situanta 200 km-ojn sudoriente de Budapest-aranĝos la 10-an Jubilean Sesion de

SOMERA ESPERANTO UNIVERSITATO
(10—16 julio 1972)

La pasintajn jarojn karakterizis altnivelaj, interesaj kulturscienca prelegoj. Inter la prelegintoj ni povis saluti Prof. d-ron Ivo Lapenna, Imre Ungar, d-ron Werner Bormann, Asen Grigorov kaj aliajn eminentulojn de la Esperanto-movado.

La antaŭtagmezajn prelegojn kompletigos la posttagmeza ripozo sur la strando, banejo aŭ ekster la urbo. La Jubilea Sesio inde memoros la unuan dekjaran periodon.

Detalan informon petu de

SOMERA ESPERANTO-UNIVERSITATO,
GYULA, 48-as u. 11.

3. ABALIGET,

malgranda vilaĝo, situas 200 km-ojn sudokcidente de Budapest, sur la deklivoj de nia plej bela montaro Meĉek.

Pri via bonfarto zorgas la organizantoj de la 5-A Internacia Renkontiĝo de Esperantistoj — Naturamikoj (IREN)

Ĉiujare kreskas la nombro de la partoprenantoj de IREN. Kiu foje vizitis nin, neniam forgesas la agrablajn tagojn, pasigitajn en belega naturo, en vera internacia atmosfero.

La partoprenantoj vivas komforte, ripozas, promenas, ekskursas, partoprenas la amuzajn programojn aŭ vizitas la proksime situantan belan urbon PECS, plena de arthistoriaj dokumentoj.

Detalan informon petu de

HEA 3-a Teritoria Komitato, Pecs 1. Poŝtfako 2.

ATENTU!

Ĉiuj tri aranĝaĵoj laŭ administrado estas memstaraj, do oni devas aliĝi aparte al la aranĝaĵoj laŭ la adresoj en Budapest, Gyula, respektive Abaliget.

Ni petas ĉiujn kiel eble plej frue aliĝi, ĉar la nombron de partoprenantoj verŝajne ni devos limigi.

*TEĴA — anoj! Tuj sendu viajn proponojn kaj opiniojn pri la statuto de TEĴA al la redakcio de „I. J."!*

# ESPERANTO FO-KI-MA

FO-KI-MA BILDA ADRESSCIO

aperos en 1972 dufoje monate kun 16 bildoj de la anoncintoj, kiuj sendas al la redakcio du fotojn kun 20 vortoj. La anonckotizo estas tri internaciaj kuponoj. La bildoj devas esti 3×4 cm.

Adreso: Fo-Ki-Ma-bilda adresaro, Budapest, P. O. 119, poŝtfako 16, Hungario.

GRAVA INFORMO

Kiel aparta eldono de „Fo-ki-Ma" — Mikromagazino, la 20-an de septembro aperis speciala ĵurnalista bilda projekciebla magazino „Stelo de Eŭropo". Ĝi estas oficiala informilo de la „Eŭropa Fo-Ki-Ma" Esperanto-Federacio (Parizo). Ĝi estas unuiĝo de la ĵurnalistoj kaj radio-televido-raportistoj en 22 eŭropaj landoj.

---

**Ĉu vi pagis vian membro-aŭ abonkotizon? Se ne bonvolu tuj fari tion! Sendu al monon al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" aŭ la via landa reprezentanto de TEĴA!**

LA MONDA REKORDO
DE ĴURNALISTO — STANGISTO

Ja 12-an de oktobro ĵurnalo „Soveta Sporto" komunikis, ke la ĵurnalisto Adamo Hnatov el Ukraina urbo Lvov plibonigis sian mondan rekordon, levinte stangon je 116 kg.

Ĉt tiun atingon la soveta sportisto — atleto montris dum sportaj konkursoj, kiuj estis en Göteborg, okaze de la 350-jara jubileo de tiu ĉi sveda urbo.

**A. L.**

ĈEĤOSLOVAKA RENKONTIĜO

Fine de septembro pli ol 300 ĉeĥaj kaj slovakaj esperantistoj kaj gastoj el 7 landoj kunvenis en la moravia urbeto Vsetin. Altnivelan entreprenon aranĝis la loka ER sub la gvido de s-ano A. Berka. Okazis kunvenoj de ambaŭ naciaj E-organizaĵoj ĈEA kaj AE SSR, kunsidoj de fakaj asocioj (teknika, medicinista, fervojista, IKUE+KELI kaj fonda kunveno de informa sekcio), recita kaj oratora konkursoj. Al la valora kultura programo kontribuis grandparte la urba virina kanthoro, Laŭreato de Ŝtatpremio, folklora grupo „Jasenka" k. a. La lastan tagon oni ekskursis tra Valaĥio, la ĉirkaŭa regiono, kiun priskribas ankaŭ la belaspekta broŝuro en E-o porokaze eldonita de ER Vsetin.

**Forpasis**
**Karol Fielding**
**en Bristol, Anglio la 20-an de oktobro. Redaktoro de la „Verdstela Bulteno."**

*

**Forpasis en Kiev USSR, la 7-an de novembro unu el la plej malnovaj esperantistoj sovetiaj**
**Panasi P. Vasilĉenko**
**en sia 75-a vivojaro.**

MALJUSTECO

Riproĉe diras mondlingvanoj
Pri la novregaj stortinganoj -
Por paco luktis nia frato —
Kaj Brandt — Nobela laŭreato!
**Aleksandr Logvin**

* * *

**Al Esperanto-amikoj por la 1972**

En la venonta Nova Jaro —
La pacon al vi sub stelaro:
Kaj plej valoran vivtrezoron —
La sanon kaj ia bonhumoron!
Mi povus esti pli riĉ' — tosta,
Sed, ve, konjak' tre multekosta . . .
Salutas en la ajna lok' vin
Amiko Via
**A. P. Logvin**

*Al ĉiuj membroj de TEĴA, al la legantoj kaj abonantoj de nia kara organo — la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" bondeziras sanon, ĝojon, feliĉon kaj sukceson en ilia poresperanta kaj porpaca laboro okaze de la Nova 1972 jaro!*

## KOREKTO

**Kelkaj abonantoj de „IJ" petis nin, ke ni sendu al ili la n-ron 2 de int j-sto". Ni avertas aiujn legantojn de nia organol ke la cifero 3 (anstataŭ 2 — kiel estas korekte) de la organo sur la unua paĝo de „ij" estas srare metita de la teknikas korektistoj de la presaĵo. Oni korektu: 2, 1971. anstataŭ 3. Ni petas pardonon.**

---

**Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Redakta komitato: Rajna Konstantinova, Minko Ĉonkovski**